# *Prof. d-ro D. Armand 70 jara*



La konata soveta geografo kaj *vicprezidanto de la Komisiono por eksteraj rilatoj de sovetiaj esperantistoj,* profesoro d-ro D. Armand, festis la 14an de aprilo 1975 sian 70an vivojubileon. Ni, esperantistoj de GDR, tre kore kaj varme gratulas al nia kara amiko, kiu en 1974 nin vizitis partoprenante la trian tutrespublikan esperanto-konferencon.

Prof. Armand estas en Soveta Unio kaj internacie tre konata *geografo,* kiu i. a. prilaboris la problemon de la arbaraj gardozonoj, vizitis kiel soveta specialisto diversajn landojn, i. a. antaŭ 1960 ankaŭ Ĉinion. Inter esperantistoj prof. Armand estas konata kiel aŭtoro de esperantologiaj eseoj (i. a. pri propraj nomoj) aŭ de popularaj sciencaj studoj pri Esperanto kaj la internacia lingvoproblemo. Al nia jubileulo kaj ties kunaktiva edzino, ankaŭ konata sciencistino, ni deziras ankoraŭ multajn sciencajn kaj poresperantajn sukcesojn, sanon kaj feliĉon.

CLR, red. „der esperantist"

---

(resto de paĝo 12)

Plej magre pritraktita, paradokse al la titolo, estas la perspektivoj. La ĉi-titola sesa parto (795—802) same kiel la aliaj konkludaj partoj ne traktas la necesajn sociajn tutmondajn kondiĉojn, taktikojn kaj vojojn por ĝeneraligi Esperanton sed nur abstrakte difinas kelkajn certe parte aprobindajn principojn de unueca esperanta agado. Forgesante la vortojn de Hodler eĉ ne frazeton pri la plej grava antaŭkondiĉo por la sukceso de Esperanto oni skribis: t. e. paco, internacia malstreĉiĝo kaj samrajta kunlaboro. Kie la verko finas, devus komenci grava nova parto.

Resumeblas tamen, la verko estas nepre salutinda, tre serioza kaj sukcesa provo resumi ĉion atingitan sur la kampo de Esperanto. Kiel tia, ĝi estos baza verko por ĉiuj informcelaj kaj analizaj studoj.

*Ĝi firmigas la konscion pri la giganteco de la fakto, ke dum nur 80 jaroj de homo kreita lingvo plenvalore funkciadas kiel internacia komunikilo, fenomeno en sia graveco kaj unikeco en la eksterplanlingva mondo kaj eĉ en esperantistaj rondoj ne ĉiam plene komprenita.*

Detlev Blanke

# 9-a seminario por kursgvidantoj

Dum sia 10-jara ekzistado CLR ĉiujare okazigas unu tutsemajnan seminarion por jam funkciantaj aŭ estontaj gviduloj de la esperanto-agado en GDR. Dum tiu seminario oni prezentas prelege kaj seminarie la ĉefajn problemojn de la internacia kaj nacia Esperanto-movadoj kaj krome informas pri aktualaj internaciaj politikaj problemoj. Ĉiu partoprenanto de tiuj seminarioj konfirmos la grandan riĉon de tiuj prelegoj, la utilon, kiun ili donas, la amikan atmosferon kaj stimuligan efikon de la tuta seminario, kies grava parto ja ankaŭ estis la sennombraj personaj du- aŭ plurflankaj diskutrondetoj.

Ankaŭ la 9-a, kvankam nur partoprenita de 25 homoj, estis same intensa kiel agrabla, streĉa kaj amuza (laste speciale parolante pri la vesperoj).

Tuta tago estis destinita al la celo, enhavo, stato kaj problemoj de la agado de la esperantistoj de GDR (R. Graetz, D. Blanke).

Dum ĉiuj tiuj seminarioj ankaŭ estas traktitaj la tradicioj de la internacia kaj germana laborista Esperanto-movadoj, same ĉifoje (Graetz, Blanke) sekvis superrigardo pri la internaciaj esperanto-organizaĵoj, pri la sciencaj aspektoj de la planlingva problemo ĝenerale kaj speciale pri Esperanto (ambaŭfoje Blanke).

Bedaŭrinde du prelegantoj (d-roj Krause kaj Dahlenburg) ne povis sekvi la inviton prelegi. Tial la prelegon pri leksikologiaj problemoj de Esperanto kaj enkondukon en primetodikan diskuton devis fari D. Blanke. Tre interesaj kaj diskutigaj estis la prelegoj de H. Heinel pri aktualaj problemoj de la ideologia batalo kontraŭ la imperiismo kaj pri maoismo. Ankaŭ la prelego de J. Handtke, kiu pli longan tempon tradukis kaj oficis por Louis Corvalan dum lia GDR-vizito, pri aktualaj problemoj de Latinameriko estis tre intereskapta. R. Graetz per prelego pri arabaj landoj kaj Mongolio kaj D. Blanke pri impresoj dum universalaj kongresoj (ambaŭ kolordiapozitivaj) trovis bonan akcepton de la seminarianoj.

Entute, kiel iu diris, la seminario liveris sobran (neutopian) sed firman bazon por bona agado en la grupoj kaj gvidantaroj. La partopreno estis senpaga, se ne paroli pri la 1—2 markoj pagendaj simbole potage, kaj la entreprenoj kie laboras la partoprenintoj, donis forpermeson por tiu socia agado. Tre ĝojige estis, ke precipe partoprenis junaj homoj.

Partopreninto

---

### Amiko el Vjetnamio serĉata

En la jaroj 1960/61, s-ro Siegfried Linke, (DDR — 402-Halle, Schlettauer Weg 21) korespondis kun la vjetnama esperantisto Tran-Quang-Thiêp. La lastan leteron s-ro Thiêp skribis la 30an de oktobro 1961 al sia germana amiko. (Le nova adreso de s-ro linke: 409 Halle-Neustadt, Bl. 764/3)

Ek de tio mankas ĉiuj vivsignoj de li. Liaj sinsekvaj adresoj 1960—1961 estis HT: 5441 Thanh-Hoa; HT: 5756 Ha-Dong; HT 5754 Ha-Dong. Li havis amikon, kiu nomiĝis Bui-An. Kiu povas helpi renodi la kontakton?

*De la virinoj de la hungara MEM-grupo el Pécs ni ricevis jenan simpatian leteron:*

**Karaj niaj amikinoj!**

Ni salutas Vin okaze de la fondiĝo de Internacia Virinfederacio, kies celo estas batali kontraŭ la milito, kiun ĉiam preparas la kapitalista malplimulto por akiri siajn aĉajn celojn.

La alvoko de federacio memorigas la homojn por ne forgesi la teruraĵojn kiun faris la faŝistoj ĉie en la mondo. Agresantoj kaj koloniigistoj suferigas la popolojn. Tre kortuŝe estas scii, ke ekzistas infanoj, kiuj ne konas ĝojon kaj amase malsatmortas. La virinoj estas patrinoj de ĉiuj infanoj, ni ne volas scii pri malsatmortaj infanoj, pri ekspluatitaj popoloj. Ne estu antaŭjuĝo pro haŭtkoloro. La Internacia Virinfederacio unuigas la virinojn en porpaca laboro, ĉar la afero de la paco ne estas disigebla de la volo de ĉiuj popoloj. Ni helpas per ĉiu rimedo la batalon de la subpremataj popoloj en la luktado por la libereco.

Nova epoko komenciĝis en la vivo de virinoj en la demokratiaj landoj. Multmilaj virinoj partoprenas la konstruon de pli justa, pli homa sociordo. La virinoj pruvis, ke ankaŭ ili estas bonaj pedagogoj, kuracistoj, inĝenieroj, aŭ aliaj scienculoj. La virinoj volas pacon, ili volas defendi la vivon.

La amo, la interkompreniĝo ne havas limojn. Ĝi estas granda forto, kiu unuigas la diverslandajn popolojn.

Akceptu nian koran estimon. Ni deziras al Vi bonan sanon kaj sukcesplenan, feliĉan estonton en Via MEM-movado.

Pécs, 15. 2. 1975

En la nomo de MEM anoj
Irena Prassnig

*La MEM-aninoj, organizitaj en Kulturligo de GDR, samkore reciprokas la simpatiajn salutojn de siaj hungaraj amikinoj, dezirante al ili pluajn sukcesojn en ilia nobla porpaca agado.*

---

**Kunsido de Centra Laborrondo**

Sian laŭvican por 1975 unuan kunsidon CLR okazigis kun siaj 35 membroj de 21-a ĝis 23-a de februaro 1975 en la kongrespalaco de Karl-Marx-Stadt. Oni pritraktis i. a. la agadon de esperantistoj de GDR en la jaro de tiaj gravaj jubileoj, kiel estas la 30a datreveno de la liberiĝo de Germanio el sub la faŝisma jugo per la trupoj de Soveta Unio kaj la 30a datreveno de la fondo de Kulturligo. Krome oni pritraktis i. a. la MEM-agadon en GDR kaj la signifon de scienca laboro pri kaj per Esperanto (kun diskutkontribuo de prof. d-ro Falkenhahn).

La nivelo de la bone konkretiĝintaj laborplanoj kaj la raportitaj sukcesoj en la unuopaj distriktoj bone montris pluan pozitivan evoluon de la loboro.

## Kiamaniere oni povas pasigi la jarfinon en esperanta medio?

Tion demandon mi havis pasintjare. La respondo ne estis malfacila. Mi veturis fine de decembro al Budapest kaj partoprenis la 4an Vintran Esperantistan Ferion (29. 12. 74—3. 1. 75).

La aranĝo estas laŭ la nombro de la partoprenantoj laŭvice la dua, post la universalaj kongresoj la plej vizitita de Esperantujo.

Kvankam la Esperanto-Silvestro okazas nur la 4an fojon, ĝi jam fariĝis tradicio.

La 29an de dec. (post antaŭtagmeza urborigardo per busoj) komenciĝis posttagmeze oficiale la 4a VEF en Kulturdomo Lang. La prezidanto de Budapeŝta Teritoria Komitato, Eúgeno Molnar, malfermis la renkontiĝon kaj poste sekvis la salutparoladoj de la reprezentantoj de la partoprenantoj diverslandaj. Ni vidis filmon pri la UEA-kongreso en Hamburg kaj post la interkona vespero kun hungareca folklorprogramo en la Ĉarda Balacz, ni, veturinte per aŭtobusoj,, povis admiri la „Noktajn lumojn de Budapest". La 30an de dec. ni povis elekti ĉu ekskursi al montaro de Buda per pionirfervojo kaj kabloveturilo aŭ al grotoj de Pálvölgy kaj la pinto Hármahatárhegy aú Aquincum-Szentendre. La 31an antaŭtagmeze oni vizitis la subĉielan parton de varmoakvohava banejo Széchenyi. La kulmino de VEF, la Silvestra Balo komenciĝis je la 20a horo en la Kulturdomo Lang.

Esperanto-orkestro el Smoljan (Bulgario) ludis dancmuzikon kaj la esperantistoj (ĉ. 350) bone amuzis kaj dancis ĝis la mateno.

La 1an kaj duan de januaro 1975 oni povis i. a. partopreni komunan ludon „Kiu-kion scias" kaj rigardi nekonetajn angulojn en Budapest.

Poŝtoficejo kaj librovendejo funkciis dum la tuta daŭro de VEF. Interesuloj povis partopreni esperanto-seminarion.

La fermo de la aranĝo kaj adiaŭa vespero okazis la 2an de januaro kaj la 3a estis la tago de forveturo.

Resume mi povas diri, ke la tuta aranĝo estis granda sukceso. Niaj hungaraj gastigantoj bone organizis ĉiujn aferojn kaj ofereme estis je dispono de la gastoj.

Por interesuloj mi donas informojn por la 5a VEF: Ĝi okazos la 28. 12. 75—2. 1. 76, partoprenkotizoj laŭ kategorioj de 500—1400 ft. Detalajn informojn donas: Budapesta Teritoria Komitato de HEA, 1443 Budapest, Pf. 153.

Ruth Schonert

---

## Junularaj renkontiĝoj

En diversaj distriktoj la esperantista junularo komencis ekagadi por trovi taŭgan organizformon en la kadro de la ekzistantaj gvidebenoj. En la distriktoj Magdeburg, Dresden (Meissen) kaj en Erfurt jam okazis la unuaj kunvenoj.

*Bulgara Esperantista Asocio — Instruista Sekcio kaj Sofia distrikta komitato informas:*

**Internaciaj kursoj kaj pedagogia seminario de Esperanto**

por instruistoj en Burgas, kv. Meden Rudnik, Bulgario.
En 1975 j. sub la aŭspicio de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj/ILEI okazos:

**I. Internaciaj Esperanto-Kursoj por Instruistoj**

de 5—24 de aŭgusto 1975.

Grupoj: a) komencantoj, b) progresintoj, c) supera grupo, d) grupo por Esperanto-instruistoj.

**II. Internacia Pedagogia Esperanto-seminaro**

de 5—24 de aŭgusto 1975.

En la seminario povas partopreni nur diplomitaj esperantistoj kaj multjaraj kursgvidantoj — por refreŝigo kaj altigo de la lingva nivelo, por diskuti problemojn de la organiza, informa kaj ideeduka laboro de esperantistoj.

Je la fino de la kursoj / aŭ la seminario / ĉiu kursano devas fari ekzamenon. La ekzamenon por instruistoj oni faras antaŭ oficiala ŝtata komisiono.

Kotizoj: por ĉiuj kursoj kaj por la seminario — 100 lv. aŭ egalvaloro inkluzivantaj loĝadon, nutradon, administradon.

Ĉe neebla transpago kotizo estas akceptota ĉe la alveno, sed kun anticipa averto. Transpagojn adresu al: Bulgario, Sofio ĉrez Balgarska Vansanotargovska banko do D. S. Kasa, Blagoevski rajon, smetka 185/2553 na Sofijski Okraĵen Esperantski Komitet.

Pri ĉiu transpagita sumo informu nin tuj per letero.

Lasta limdato de aliĝo estas 31-a de majo 1975 / validas la stampo de la poŝto.

Ĉar la nombro de la partoprenontoj estas limigita, ĉe akcepto de kandidatoj validas la pli frua aliĝo kun antaŭpago.

Oni ne rajtas havi kun si infanojn en la komuna loĝejo kaj manĝejo.
Bonvolu plenigi la almetitan aliĝilon kaj tuj sendi ĝin al-Okraĵen Esperantski Komitet, bulv. Ĥristo Botev 97, Sofio-3, Bulgario, telef. 31-00-29.

---

**Jarkomenca kunveno en Aŭe**

La 8. 2. 75 60 esperantistoj el la distrikto Karl-Marx-Stadt renkontiĝis en Aŭe por pridiskuti dum tiu tradicia jarkomenca kunveno aktualajn problemojn de sia agado. En la programo estis prelego pri la historia evoluo de la erc-montara urbo Aŭe diskuto pri la 30aj datrevenoj de la liberigo el sub la faŝisma jugo, de la fondiĝo de Kulturligo, pri membrovarbado, junularaj problemoj, MEM-agado k. t. p. Ekskurso tra Aŭe kaj prelego de Walter Haupt pri lia vojaĝo tra Rumanio, kompletigis la riĉenhavan preskaŭ tute esperantlingvan tagon.

Laŭ raporto de E. Würker

# Internaciaj aranĝoj 1975

N: NOMO de la aranĝo
T: TEMO de la aranĝo
O: ORGANIZANTO de la aranĝo
K: KORESPONDADRESO
P: PREZO
A: ALIĜDATO
R: RIMARKOJ
JA: JUNULARA ARANĜO

**1. 25.–27. 4. 1975 TATRANSKA LOMNICA/ĈSSR**
N: VI-Kongreso de la Asocio de Esperantistoj en Slovaka Socialisma Respubliko
T: Kongresaj laboroj kaj kulturaj aranĝoj
OK: Esperanto-Klubo, Košice, Reoseveltova 5
A: 31. 3. 1975

**2. 31. 5.–2. 6. 1975 KARLOVO/Bulgario**
N: Nacia festo de la rozoj
O: DEK – Plovdiv kaj E-Societo Karlovo
K: B. Leonov, Car Asen 7, Karlovo, Bulgario

**3. 1. 6.–31. 10. 1975 PISANICA/Bulgario**
N: Internaciaj Esperanto-Kursoj
T: Lernado de Esperanto
OK: Distrikta Komitato de BEA, Smoljan, pk. 30
P: 70.- Levoj
R: La kursoj daŭras 2 semajnojn kaj komenciĝas ĉiun 1-an kaj 16-an tagon de la monatoj
A: Monaton antaŭ la partoprenonta kurso

**4. 16.–27. 6. 1975 MIEDZYZDROJE/Pollando**
N: V. Internacia Esperanto-Feriado
OK: „GROMADA“, Pl. Lotników 7, Pl-70-414 Szczecin
P: ĉ. 1.500 zl.

**5. INTERNACIA BUSLINIO „ESPERANTO“:**
Bydgoszcz–Bratislava–Budapest–Poprad–Bydgoszcz
Ĉiumerkrede de 21. 5. ĝis 24. 9. 1975 j. startos el Bydgoszcz komfortaj busoj „Ludoviko Zamenhof kaj Antoni Grabowski“ por 10-tagaj E-ekskursoj el Budapest kun internacia E-partoprenantaro. Kotizo – 95.- U dol. aŭ egalvaloro.
La aliĝojn akceptas: „JUVENTUR“, str. Jagiellonska 12, Pl- 85-067 Bydgoszcz, Pollando, plej malfrue monaton antaŭ la forveturo.
Validajn pasportojn kaj poŝmonon por Pollando, Ĉeĥoslovakio, GDR kaj Hungario prizorgas nem la partoprenantoj.

**6. 6.–12. 7. 1975 Gyula/Hungarujo**
N: 12-a Somara Esperanto-Universitato/SEU
T: Sciencaj prelegoj pri arto, literaturo, cibernetiko, lingvistiko
OK: TIT, 5600 Gyula, 47 as ter 11, Hungarujo
P: 950.- Forintoj ĝis 1.600.– Forintoj
A: 31. 5. 1975

**7. 8.–15. 7. 1975 KARLOVO/Bulgarujo**
N: Internacia Seminario kaj belartaj konkursoj
T: 125 jaroj de la naskiĝo de Ivan Vazov
C: Distrikta Komitato de BEA – Plovdiv, Domo-Muzeo Ivan Vazov
P: ĉ. 60– levoj
A: 1. 6. 1975

**8. 12.–21. 7. 1975 ABALIGET – PÉCS/Hungarujo**
N: 8-a Internacia Renkontiĝo Naturamika/IREN
T: ekskursoj, turismo
OK: HEA, Teritoria Komitato, H-7601 Pécs, Pf. 2
P: 1.100–1.700 Forintoj
A: 31. 5. 1975

**9. 13.–26. 7. 1975 kaj 27. 7.–10. 8. 1975 LANCOV**
N: 24-a Somera Esperanto-Tendaro/Ĉeĥoslovakio
T: Esperanto-kursoj por komencantoj, progresintoj kaj estontaj instruistoj
OK: Esperanto-Klubo, 67401 Trebiĉ, pk. 72, ĈSSR

**10. 3.–9. 8. 1975 INOWROCLAW/Pollando**
N: Konferenco de Monda Turismo kaj Seminario de UEA
T: Esperanto en Turismo – perspektivoj ĝis 1980 j
OK: UEA, MT kaj „Juventur", str. Jagiellonska 12, Pl-85-067, Bydgoszcz
P: 750,– zl aŭ 25 US dol
R: Post 60 UK en Kobenhago okazos karavanvojaĝo al Inowroclaw

**11. 3.–9. 8. 1975 INOWROCLAW/Pollando „IA"**
N: Seminario de TEJO
T: Esperanto-agado inter mezlernejanoj
OK: TEJO, PEJ kaj „Juventur", str. Jagiellonska 12, PL-85-067 Bydgoszcz
P: 750 zl aŭ 25,– US dol.

**12. 3.–16. 8. 1975 OPATKA/ĈSSR**
N: Somera Esperanto-Lernejo
T: Insruado de Esperanto
OK: Esperanto-Klubo, Koŝice, Rooseveltova 5
P: 1.000.– Kĉs.
A: 31. 5. 1975

**13. 17.–24. 8. 1975 STACHY/ĈSSR**
N: Turisma Esperanto – Feriado
O: Esperanto Rondeto „La ponto" ĉe uzinklubo JITEK, Pisek
K: Esperantsky Krocek „La ponto" Klubu pracujicich JITEX, Pisek nábr. 1 majo, CS – 39701 Pisek
P: loĝado – 8.– kcs po tage

**14. 18.–23. 8. 1975 Budapest/Hungarujo**
N: 4-a Varia Esperanto-Semajno / VIS /
T: perŝipe rondvojaĝo
OK: Budapeŝta Teritoria Komitato de HEA, Budapest VIII, Kenyermezö u. 6
P: 900–1.500.– Forintoj

**15. 1.–9. 9. 1975 MIEDZYGORZE/Pollando**
N: La Ora Pola Aŭtuno
OK: Vojevodia Filio de Pola Esperanto Asocio, ul. Dubois 3, P. O. kesto 16, Pl-50-952 WROCLAW, Pollando
P: 2.200.– zl

**16. 14.–24. 9. 1975 PAMPOROVO/Bulgario**
N: Ora Esperanto Feriado
OK: Distrikta Komitato de BEA, Smoljan pk. 30, Bulgario
P: 60.– levoj
A: 12. 8. 1975

## *Karesoj*

Jam post trijara geedzeco sinjorino Monika plendis ĉe sia edzo Hans-Peter, ke li ne plu estus tiel afabla kiel iam. Eĉ plej simplajn karesojn li maloftigis. Hans-Peter sin metis unue en restoracion kaj due antaŭ mem-tribunalon. Komence li resumis. Via hararo bon..loras fabelece en pluvo, li ĉiam estis dirinta. Vi havas persikajn vangojn. Via irmaniero estas alloga. Li ofte kisis ŝin karese sur la nukon. Minutojn li povis rigardi en ŝiajn belegajn grizajn okulojn. Kiam ili kunsidis kun amikoj, li sekrete tuŝadis ŝian delikatan manon. Kaj tiel plu.

Tiam Hans-Peter kapitulaciis.

Li ankoraŭ ne sciis kiel komenci denove. Kiel viro oni ne rajtas perdi la sintenon por konservi la prestiĝon. Sed foje aperis eblo. Ili sidas kun amikoj en vinejo, Monika iom forglitinte de Hans-Peter, kaj Hans-Peter iom de Monika. Li povas ekzakte rigardi ŝin. Per novaj okuloj. aŭ per malnovaj okuloj — kiel oni volas.
Monika konversaciadas. Ŝi ŝanceletas la gambojn metitajn unu sur la alian. Kaj subite Hans-Peter memoras malnovan simplan kareson. Li puŝetas delikate sub la tablo per sia dekstra ŝupinto kontraŭ ŝian maldekstran ŝupinton. Same, kiel li iam estas celebrinta tion sukcese.
Jen Monika subitege interrompas sian konversacion, turnas la kapon al Hans-Peter kaj diras: „Miaj ŝtrumpoj! Estu pli gardema, idioto!"

*Trad. M. Lennartz (EL START)*

---

(resto de paĝo 19)

**17. 8.–10. 9. 1975 PLOVDIV/Bulgario**
N: Internacia Foira Renkonto
T: Kulturaj Esperanto-Aranĝoj
OK: Distrikta Komitato de BEA, Plovdiv, pk. 184, Bulgario
P: 30.– levoj
A: 1. 8. 1975

**18. 25.–26. 10. 1975 BYDGOSZCZ/Pollando**
N: 3-a Internacia Trarigardo de Lumbildoj
T: „Esperanto — Somero 1975"
OK: Klubo „Esperanto", str. M. Curie-Sklodowskiej 10/4
Pl-85-094 BYDGOSZCZ, Pollando
R: Konkurso kun premioj — la aŭtoro de la plej bonaj lumbildoj pri la temo ricevos fotoaparaton

**19. 28. 12. 1975–2. 1. 1976 Budapest/Hungarujo**
N: 5-a Vintra Esperantista Feriado / VEF /
OK: Budapeŝta Teritoria Komitato de Hungara Esperanto Asocio. Budapest VIII, Kenyermezö u. 6, Hungario
P: A-kat. 1.200.– Ft., B-kat. 1.000.– Ft — ĝis 15. 11. 1975

**20. 15.–27. 7. 1975 Zánka/Hungario**
N: 8a-Internacia Esperanto-Faktendaro por skoltoj
OK: Organiza Komitato de PIT, H-7601. Pécs, Pf. 2
P: 600.– Forintoj (dormadon kaj manĝadon enkluzivanta)
A: 30. 4. 1975
Krome necesas, atestoj 1. pri minimume 1-jara Esperanto-lernado, 2. gepatra konsento, 3. Rekomendo de Esperanto-organizajo, 4. pri sanstato

## *Dankon al Richard Rabenalt!*
## *Sukcesojn al Johanna Scheffs!*

La multmerita kaj senlaca gvidinto de la Distrikta Laborrondo Esperanto por distrikto Potsdam, nia *Richard Rabenalt*, ek de la 12. 2. 1975 donis la oficon en pli junajn kaj ĉi-kaze virinajn manojn. Nia kamarado *Richard* apartenas al tiuj personecoj, en kiuj kunfandiĝis klara politika kompreno pri niaj celoj, bona esperanta fakscio kun la kvalitoj de multjara kulturfunkciulo. Se nia Richard Rabenalt ja fordonis la oficon pro aĝo, li tamen ne fordonas sian ligitecon al nia afero. Do, laŭ liaj eblecoj kaj laŭ rekomendo de CLR li certe restos en nia respublika gvidantaro. Al la nova prezidantino (vivu la prezidantinoj! Ne nur pro la Internacia Jaro de la Virino) *Johanna Scheffs*, kiu disponas pri multjaraj spertoj en gvidagado, ni deziras plenan sukceson.

CLR

---

**Junulara seminario**

38 gejunuloj el preskaŭ ĉiuj distriktoj partoprenis specialan seminarion pri junularaj problemoj de la esperanto-movado en GDR. La seminario, kiu okazis de 24.–26. 1. 75 en la luksa seminaria kaj ripoza domo de Kulturligo en Bad Saarow, traktis i. a. jenajn problemojn

— *signifo kaj perspektivo de Esperanto*

— *laboro de esperantistoj en GDR*

— *la internacia esperanto-movado (speciale la junulara, TEJO, ktp.)*

— *mia hobio kaj Esperanto*

— *kiel progresigi la junularan Esperanto-agadon en GDR*

Krome estis aŭskultitaj diversaj sonbendoj, prelego pri esperanto-mondkongresoj k. t. p. Ne mankis ĝisnoktaj diskutoj kaj „junulara baleto" (t. e. eta balo) en plej junula atmosfero.

La partoprenintoj, post fundaj kaj tre viglaj diskutoj kaj interkonatiĝoj klopodos ankoraŭ pli aktive ekagi sur lokaj kaj distriktaj niveloj Refondo de „Junulara Komisiono" ĉe CLR okazos ankoraŭ dum la unua duonjaro de 1975.

---

**Por bibliotekoj**

Ni volente sendos regule „der esperantist" kaj iujn gravajn esperanto-librojn al pli grandaj bibliotekoj de GDR. Oni donu la adresojn de tiuj bibliothekoj al CLR.

**Nova prospekto**

Post la eldono de belaspekta kolora prospekto pri Rostock jam aperis plua pri urbo de GDR. La esperantistoj de Erfurt tradukis prospekton pri sia internacie konata ĝardenurbo. Riĉe ilustrita 16 paĝa kajereto. La traduko bedaŭrinde havas mankojn. La prospektojn oni mendu ĉe Internationale Gartenbauausstellung der DDR, Erfurt (menciu: „Esperanto-prospekto").

**Lerneja grupo en ĈSSR**

12 gelernantoj, 12—16 jaraj, el Ronneburg ekskursis kune kun sia Esperantokluba gvidanto, Kurt Heeg, de 7.–10. 2. 1975 al Karlovy Vary, Ostrov, Joachimov. En ĉiuj lokoj ili havis kontakton kun la tieaj esperantistoj, kiuj montris la urbajn vidindaĵojn. Internaciaj kulturprogramoj, filmprezentoj („Hieraŭ ni ankoraŭ estis infanoj", kolorfilmo pri GDR en Esperanto) kaj interŝanĝo de amikaj donacetoj karakterizis la etoson de la amikaj vesperoj. Ne mankis kantado, kvizoj kaj dancado laŭ diskoj. Protestleteron pri la krimoj de la ĉilia junto subskribis la 30 partoprenantoj de kultura vespero en Ostrov.

Dankon al la ĉeĥaj geamikoj pro la helpo, antaŭ ĉio al la urbgvidantoj en Karlovy Vary kaj al la senlaca gvidanto en Ostrov, amiko Jan Kafka.

*Laŭ raporto de Kurt Heeg*




**Esperanto kiel oficiala fako en eksterlerneja aktivado en Ronneburg**

Depost unu jaro ni sukcesis tute samrajte kun aliaj fakoj instrui Esperanton en eksterlerneja klubo. Ni ankaŭ pasintjare partoprenis kun sukceso la konkuron „MMM" (**M**esse der **M**eister von **m**orgen) — foiro de la estontaj majstroj. Kiel la aliaj gvidantoj de intereskluboj ankaŭ nia kursgvidanto akceptis la saman rekompencon. Eĉ por instrumaterialo la grupo ricevis iom da mono por aĉeto de Esperanto-kantlibroj. Nature la sukceso ne venis el si mem. Ofte ni propagandis en la distrikta gazeto pri niaj sukcesaj agadoj, pri niaj migradoj kaj niaj kulturaj prezentaĵoj antaŭ brigadoj. En kiuj lokoj de GDR oni ankaŭ sukcesis oficialigi Esperanton kiel eksterlerneja fakon?

Kurt Heeg, kursgvidanto, Fraureuth

**Decidu!**

Azeno tiu, kiu decidi pro tio ne povas, ĉar „por" kaj „kontraŭ" ĉien lin ŝovas.

laŭ Fr. Rückert, trad. Rothe.

## Naskiĝjubileoj, honorigoj

- Pro sia senlaca agado en la esperanto-grupoj de Kulturligo s-ro Otto Leichert el Freithal ricevis okaze de lia 75a naskiĝtago la distington de Kulturligo de GDR, la „Johannes R. Becher-medalo en arĝento".
- La membro de la aktivo de CLR, nia akra cerbo, Hans Heinel, Oederan, festis la 6. 5. 1975 sian 50an naskiĝjubileon.
- La laborista esperantisto kaj prezidanto de la Subdistrikta Laborondo, Rostock la ĉiam aktiva Paul Köster, festis la 23. 3. 1975 sian 65an vivojubileon.

CLR kaj „der esperantist" tre Kore gratulas.

unsere zeit
zeitung der DKP
redaktion

## Religita kontakto

La laborista esperantisto Willi Willendorf el Hamburg, kunbatalinto de Ernst Thälmann dum la Hamburga Ribelo en 1923 estis post la fiasko de la ribelo enkarcerigita. El la karcero Willi Willendorf sukcesis sendi leterojn al sia soveta amiko Isaak Krolik en Smolensk. Multaj de liaj leteroj estis publikigitaj en la smolenska gazeto „Raboĉij putj".

Pro la politikaj cirkonstancoj la kontaktoj rompiĝis, kaj nur nun, dank al la perado de la GDR-eldono de „Paco" 1974 (komp. paĝo 30) kaj UZ („Unsere Zeit", nia tempo, organo de la Germana Komunista Partio en FRG) la kontaktoj inter la feliĉe retrovita Willi Willendorf kaj Isaak Krolik renodiĝis. Isaak Krolik estas docento por la germana lingvo en Pedagogia Instituto de Smolensk. Willi Willendorf, 74, iama ilfaristo en la ŝipfarejoj de Hamburg aktuale aktivas en la Thälmann-kuratorio. Post la potencakiro de la faŝismo li pasigis multajn jarojn en karceroj kaj koncentrejoj.
Supre ni publikigas faksimilon de la UZ-letero direktita al s-ro Manfred Kossolobow, okcidenta Berlino, kiu tradukis la serĉ-anoncon de Isaak Krolik el „Paco" germanen ĝin sendante al UZ, kiu publikigis la tekston.

---

## Konservi trezorojn!

Ĉiam denove okazas, ke valoraj esperantaj bibliotekoj, zorge kolektitaj dum la vivotempo, post la morto de la posedanto marŝas al la brokantisto (en plej bona kazo) aŭ eĉ detruiĝas en iuj rubujoj. Sed, kolektite en la centro de la movado de GDR, ĉe Centra Laborrondo, tiuj trezoroj estas zorge registrataj kaj enigataj en la arkivbibliotekon, kiu jam ampleksas ĉ. 1500 titolojn. Konservi similajn trezorojn por la scienca primovada laboro do ankaŭ signifas, testamenti la esperantaĵojn al Centra Laborrondo.

# KORESPONDDEZIROJ

## Kubo

Dez. koresp. Orlando Sanz Menendez, Correa 210, entre Flores y Serrano, Santos Suarez, **La Habana**
Studento, 22 jara, dez. koresp. pri espomovado, literaturo, arto, historio, José I. Quesada, Rena Bobre 114, **Habana 1**
Laboristo, 28 jara, dez. koresp. kun GDR-anoj kaj tutmonde, kol. pm kaj kol. bk Miguel Hernandez A. 60 729 Altos Esq 7ma B. Marianao 13, **Habana**
Juna oficisto dez. kor. kun esperantistoj el la tuta mondo pri div. temoj k. interŝanĝi revuojn, artistfotojn, diskojn. Carlos Alvarez Molina, Avenida 85 No. 10 005, **Güines,** Prov. Habana;
Instruistino 25 jara dez. kor. tutmonde pri literaturo, moderna muziko, kino, teatro, turismo, revuoj, interŝanĝ. gramofondiskojn, bk, insignojn kt. p. Walkiria Milián Cárdenus, Avenida 85 No. 10 005, **Güines,** Prov. Habana

## Mongolio

Studentino el Mongolio, dez. kor. kun esp. el tuta mondo pri ĉiuj temoj, kol. bk, pm, suvenirojn. S. Hubsugul, Instruista Teĥnikumo, 3 II kurso, **Ulanbator**

## Pollando

Lernantino 14 jara dez. kor. pri beat-muziko ktp. Nina Gomólka, Pagazyna 32, **38-305 Lipinki** k/Biecza pow. Gorlice;
Johano Tambor, ul. Kościuszki 25, **PL-19300 Elk** (35 j.) dez. kor. k. germanaj geesp. pri ĉ. t. kol. esperantaĵojn, prec. lernolibr.;
Lernantino 18 jara dez. kor. pri muziko, kol. bk., Elzbieta Dablowska, ul. Grazyny 9/18, **20-605 Lublin;**
Gregoro Sanetra (15 j.) Wieprz 199, **34-382 Zywiec,** dez. kor. pri beat-muziko, sporto, kol. bk, pm.;
Zbigniewo Krawczyk (21 j.), **32-530 Tzebirzie-Siersza,** ul. Gtogowe 9/7 Woj. Krakow, dez. kor. pri moderna muziko, kino, turistmo;
Danuta Stablewska (23 j.), **85-181 Bydgoszcz,** ul. Ripinska 2 m 1, dez. kor. pri div. temoj;
Lernanto 21 jara dez. kor. pri literaturo, moderna muziko, sporto, turismo, kino, teatro, kol. pm, bk, mod. revuojn, gramofondiskojn ktp. Waldemar Jakubiec, **53-312 Wroclaw,** ul. Drukarska 4/30;
Lernantino, 14jara, dez. kor. kun germ. esp. Malgorzata Kuck, **38-455 Glowienka** 238, pow. Krosno, woj. Rzeszów
Studento, 22jara, dez. kor. pri teatro, arto, sporto, turismo, muziko. Jedryka Marian, Wacławów 23, **26-246 Skotniki** pow. Opoczno
100 esperanto-amikoj dez. kor. bv. skribi al Hobby-Club „Esperanto" ĉe P. U. P. I. K „Ruch", **Katowice,** str. Gliwicka 142
100 membroj de PEA, Rondo ĉe la ministkulturdomo KWB — Turów, **Zgorzelec,** str. Bohaterow ZWM Nr. 12, dez. kor.
Jozef Kowela, str. Łuzycka 71b, **59-901 Zgorzelec,** dez. kor. kol. esperantaĵojn, bk, pm
Junulo, 21jara, dez. kor. kun germ. esp. interesiĝas pri moderna muziko, sporto, fotografio, geografio, Josef Czermécki, **48100 Glubczyce,** Debrzyce ul. Kascinszki 12
Lernantino, 17jara, dez. kor. pri literaturo, muziko, Hispanio, Bogusława Wiecka, Storczykowa 14/1, **04-567 Warszawa**
37 gelernantoj, 15jaraj kaj kelkaj 17-jaraj, dez. kor., bv. skribi al Esperanto-klaso, **Pl-08-400 Garvolino,** Liceo Ogólnokszt. (gvid. s-ro Stanislao Rawiak)

## Rumanio

Junulo, 16jara, dez. kor. kol. bk, pm. Marta Csuka Maykl, Ciocaia 324, **Bihor**
Rumana artisto, 50jara, dez. kor. edziĝocele, Gheorge Moraru, orasul **Nasaud,** str. George Cosbuc nr. 144, jud. Bistrita-Nasaud
Ernesto Schlesinger, **PK 35 - Cluj,** dez. kor. kaj interŝanĝi neuzitajn pm kaj artreprojn

## Soveta Unio

Studentino de matematiko, 21 j., bk, diskoj insignoj, Jelena Sostarova, **310032 Ĥarkiv-32,** ul. v. Gjugo 18, Ukraina SSR
Gvidantino de blindula esperanto-klubo dez. korespondi: Ruta Babicka, Latva SSR, **226024 - Riga,** Pales 14 - 208, korp. 10
Blindulo, dez. koresp. Augusto Pulks, Latva SSR, **226024 - Riga,** Pales 14 - 208, korp. 5

---

Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto).
Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60. Fernruf: 2 20 29 91
Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke. Redaktionskommission: Otto Bäßler, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Willi Vildebrand. - Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte Glauchau
III-12-8 397